# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 15/11/2014 Cent naŭdek unua eldono 15/11/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

La Renovigita Ŝlosilo. Vidu la historion de la originala Ŝlosilo ĉe paĝo 7

★★★★★★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## 45. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO Subordaj frazoj. A.



La subordaj propozicioj, menciitaj i.a. en la ĵusa leciono, havas diversajn formojn kaj funkciojn. Unue ili povas aperi kiel gramatikaj partoj de la ĉefpropozicio, ekz. kiel subjekto en "Ke li forlasis nin, plaĉas al neniu". Kiel objekto en "Ni ne scias, kial li foriris". Kaj kiel adjekto en "Li ne manĝas viandon (same tial), kial lia patro ne manĝas viandon". La frazo povas reduktati al sensubjekta frazo infinitiva, kiel en (subjekto:) "Atendi tiom longe, ne plaĉas al mi", kaj (objekto:)"Mi ne deziras atendi tiom longe".

Due ĝi povas aperi kiel komplementa suborda frazo, kiel en "La scio, ke li lernintas la araban lingvon, malzorgigas nin".

Marcel Leereveld

La Aŭstralia **3ZZZ Radio Melburno** http://esperanto-radio.com/3zzzradio



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

15/11/14 ni kunvenos. Multe da konversacioj en Esperanto inter ni.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**



# Centra-Marborda Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

The Sanctuary Cafe, Erina Heights
414 Central Coast Hwy, Erina Heights NSW 2260



*Vernon, Steven, Gerry kaj Jo (fotita de Jonathan)*

Raporto de **la** 9-an de novembro, kvin esperantistoj kunvenis ĉe The Sanctuary Cafe. Ni ĝojis bonvenigi Steven Garamy de Sidnejo, kaj novan membron, Vernon Wildy, de Kincumber. Ni dividis personajn novaĵojn inter ni, diskutis diversajn temojn (ekzemple, la Esperanto-urbon, Herzberg am Harz) kaj tradukis kiel ekzerco kelkajn amuzajn insultojn en Esperanton. Ekzemple:

"I never forget a face, but in your case I'll be glad to make an exception" (Groucho Marx), kiu fariĝis "Mi neniam forgesas vizaĵon, sed pri vi, plaĉos al mi fari escepton."



– Jonathan Cooper

# Gough Whitlam



En mia omaĝo al Gough Whitlam, mi ne agnoskis du aliajn gravaĵojn kiujn li efektivigis:

1. la Protektadon de la **Great Barrier Reef**

2. la Sendependecon de Papuo-NovGvineo Vera Payne

★★★★

Vera faris liston de la atingoj de la registaro Whitlam.
Vere impone! Sed ne estas klare dirite, ke tiu sama registaro metis finon al la rasisma "blanka-Aŭstralio-politiko".
Amike, Trevor



# Uzi Esperantajn literojn por Mac OS X

En freŝaj versioj de OS X (almenaŭ depost 10.5), oni povas tajpi la supersignajn literojn tre facile, sen elŝuti ion ajn aŭ uzi retejon, se la lingvo de via sistemo estas la angla.

Por pretigi vian komputilon (bezonata nur unufoje):

1. Malfermu "System Preferences..." el la menuo Apple.
2. Klaku "Language & Text", aŭ "International" (laŭ via versio de OS X).
3. Klaku la langeton "Input Sources", aŭ "Input menu". Vi vidos longan liston da lingvoj (klav-aranĝoj, fakte). "Australian" estas probable jam elektita.
4. Rulumu malsupren al "US Extended" kaj elektu ĝin.
5. Rulumu supren denove kaj malelektu "Australian".
6. Fermu "System Preferences".

Poste, por tajpi la supersignajn literojn, faru la jenajn:
Por ĉ, ĝ, ĥ, ĵ aŭ ŝ: premu option-6, kaj poste c, g, h, j aŭ s. (Tio ankaŭ funkcias por la majuskloj.)
Por ŭ: premu option-B, kaj poste u. (Tio ankaŭ funkcias por Ŭ.)

(La kialo por "option-6" ne surprizas, ĉar super "6" sur la klavaro estas "^". "B" evidente signifas la anglan vorton "breve" = "hoketo".)

Informis Jonathan Cooper

# THE WALL STREET JOURNAL

## bona artikolo




Vidu http://online.wsj.com/articles/one-of-the-perks-of-speaking-esperanto-free-lodging-around-the-world-1415754748
Amike, Nicole

# Dank-letero de unu el niaj ricevantoj

Karaj Nicole kaj Roger la 9an de Novembro 2014
Gratulojn pro viaj senlacaj penoj aperigi valoran revuon – "Aŭstraliaj Esperantistoj".
Dankojn! Kiel kutime, 190 estas bonega.
Amike Paul Desailly






**Mi certe komprenos pro la religia temo aŭ fono de ĉiuj miaj artikoloj se vi elektos ne aperigi la ĉi subajn dankojn miajn al Kep kaj al lia persona amiko – Gough. Antaŭ ĉio mi ĉiam substrekas dum paroladoj pri Esperanto kaj pri Esperantismo la neŭtralecon de ĉi lasta rilate al religioj.**

**Duoblajn dankojn mi ŝuldas al ambaŭ el ili ĉar Kep elstare estris nian Movadon dum kerna tempo por ni okaze de la 1997a Universala Kongreso en Adelajdo. Kaj, en 1972 kiam la Whitlama-a registaro agis por revenigi aŭstraliajn soldatojn. Tiam mi en la mano tenis oficialajn dokumentojn por milit-servi en Vjetnamio.**

**Kep en 2003, malgraŭ la fakto ke li ne estas mia samreligiano, tre malavare laŭdis mian senpagan (kaj amatoran) libron jene:**

"Interesa kaj ege multlaborigita afero. Gratulojn." **(*p2)**
**Kep Enderby. Prezidanto. UEA.**
**(*) <http://www.bahaindex.com/documents/Realigas_la_Mondan_Pacon.pdf>**

# Zamenhofa Festa informo.

## Esperanto-Domo Sidnejo Dimanĉon la 14an de decembro



Pordoj malfermiĝos je 11atm, manĝo ktp ĝis 1ptm. Sin-prezentaj paroletoj de ĉiuj? Poste volontuloj parolos en Esperanto pri interesaj temoj dum 10 ĝis 15 minutoj. Naskiĝtagkukoj, pli da manĝo, trinkado, interamikaj konversacioj, renkontiĝoj kun malnovaj kaj novaj amikoj. Finiĝos ĉirkaŭ 4 ptm.



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

" Ĉe nia kunveno pasintan lundon ni tradukis ŝercojn, studis gramatikon kaj diskutis planojn por la Zamenhofa Festo. Ĉeestis Marcel, Karlo, Joanne, Peter, Jenny, Jean, Tristan, Esther kaj Heather. La reklamo videblas sube." Informis Heather

## La Esperanto-Federacio de Viktorio

Invitas vin al nia "Zamenhofa Festo"
6.30 ptm, Sabato 13a Decembro 2014
Ĉe la "Melbourne Unitarian Peace Memorial Church"
110 Grey Street, East Melbourne
Ĝuu vesperon de muziko, kantoj, parolado, kaj aliaj distraĵoj
Bonvolu alporti pladon
Ni esperas ke vi celebros kun ni



# La Adelajda Esperanto-klubo.

Kiel kutime en Adelajdo, ni festos la grandan okazon ĉe Indrani, 71 Hindmarsh Circuit, Mawson Lakes, sabaton la 13-an de decembro, je la 16-a horo. Informo el „Tamen Plu“



# Esperanto-Domo Sidnejo

Merkredon 5a nov Roger Springer kaj Ian Wylles laboris iomete ĉe la Domo, fiksante 3 horloĝojn sur la muroj, riparante 2 kranojn kaj farante ĝeneralajn oficejajn/domajn laborojn.

Margaret havis kuracistan rendevuon kaj ne ĉeestis.

Merkredon 12a nov, Roger Springer kaj Ian Wylles laboris iomete ĉe la Domo kontrolante la komputilon por mesaĝoj, ĝenerala oficeja laboro, prizorgante la novajn poŝtleterojn kaj laborante en la arĥiva ĉambro. Margaret rehavis kuracistan rendevuon kaj ne ĉeestis. Margaret ne estas grave malsana. Ŝiaj kruraj problemoj pliboniĝas post la kuracado.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-11-13 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (13/11/2014) ĉeestis
Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO EN JANUARO**
- **Ilia** ricevis la vizon. Ni aĉetos ŝian flugbileton.
- Trevor organizos la **ekzamenojn**
- Jennifer organizos prelegon kaj ekskurson pri “**Ekologio en Melburno**”
- Jonathan prelegos pri alia internacia lingvo: arto
- **Portempaj Ekskursoj** - Ekskurso al St.Kilda por vidi la pingvenojn; interesa videbla loko en la Botanika ĝardeno, k.a. Ni intencos iri kune per luado de aŭtobuso.
- **Bankedo**-Japana Restoracio Ari Hashi - Swan St. Richmond, sabate (11/1)
- Reklamoj: Ni provos personajn telefonadojn kaj " Press release"

*** ROBERT BUDZUL - LIBROSERVO**
La restantaj libroj de nia Libroservo nun en Tasmanio iros al Heather en Melburno

*** ARĤIVOJ**
Ni daŭrigu la serĉadon por bibliotekisto kiu povus ordigi nian arĥivon.

Huigh verkis la jenan anoncon:

*Volunteer needed*
*The Library & Archive of the Esperanto Association of Australia, held in Esperanto House (close to the Redfern Railway Station) is maintained by a retired librarian in Canberra who visits several times per year. A retired librarian, or someone with library experience, is needed to give local assistance in maintaining order in the collection of ca 4000 items.*
*Contact Huigh Malcolm (huighm@gmail.com)*

Helpu, se vi konas iun helpeman bibliotekiston, speciale en Sidnejo…

*** ADRESARO**

Estas multe da laboro. Heather devas kontroli ĉiun adreson..

*** ASIC**

Ili ne akceptas nian "proteston". Nun ĉiu direktoro devas deklari ke ni estas "solvent".

*** ESK**

Espereble, ĉiu membro jam recevis sian kopion de la septembra numero
Ni ankoraŭ intencas havi numeron antaŭ kristnasko.

*** ORIENTA TIMORO**

Ni pripensos inviti novan Esperantiston el OT al nia kuna kongreso (AEA kaj NZ) kiu okazos en Nov-Zelando en 2016

*** KOMUNA ESTRARA JARRAPORTO**

Jes, ni refoje skribos komunan estraran jarraporton.
La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 27-an de nov, je la 19:00 (18:30)
Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj **Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 | | AE189 | | AE191 |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 | | | | AE191 |
| **Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 | AE190 | AE191 |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | | | AE189 | | AE191 |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | | | | | |
| **Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero** | | | | | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | | | | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 | | | | |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | | AE190 | |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | | AE188 | AE189 | | AE191 |
| **Melburna "Meetup" Grupo** | | AE185 | | | | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | |
| **Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au** | | | | | | | | |
| **Sendu informon pri via klubo** | | | | | | | | |

Jen artikolo pri la ŝlosiloj en la revuo Monato de 1997. Trovis Nicole



ESPERANTO

# Ŝlosiloj al la ponto inter popoloj

La ponto inter popoloj dividitaj – ofte uzata metaforo por Esperanto – estas konstruita kaj daŭre konstruata de ĉiuj uzantoj de la lingvo laŭ iliaj kapabloj kaj fortoj. Sed estis individuoj en la historio de la esperantista movado, kies tuta talento, fortoj kaj kapabloj estis dediĉitaj al evoluigo kaj disvastigo de Esperanto. Al tiuj personecoj sendube apartenis Herbert F. Höveler [héveler] (plumnomo: E. Ĉefeĉ). Li estis germano, el Hanovro, sed lia tuta vivo kaj agado okazis en Londono. Höveler naskiĝis en la sama jaro, kiam L. Zamenhof – en 1859, kaj mortis en 1918, unu jaron post la morto de la iniciatinto de Esperanto.

Ricevinte teknikan kleron, li laboris kiel industria kemiisto kaj metalurgo. Esperanton li ellernis en la jaro 1904, kaj de tiam komenciĝis lia poresperanta agado – mirinde aktiva kaj diversflanka. En la jaro 1905 li fondis Internacian Propagandejon Esperantistan. En la jaro 1908 li fondis en Londono Ĉekbankon Esperantistan – tio estis respondo al grandiĝantaj komercaj interŝanĝoj inter esperantistoj, kiuj postulis starigon de internacia monsistemo. Höveler uzis esperantan monunuon – „speson", kio ebligis plej oportunan kaj malmultekostan transpagon. La banko uzis 20 mil ĉekojn; en la jaro 1914 ĝi havis 730 klientojn el 43 landoj. Post la morto de H. Höveler la banko likvidiĝis.

Inter la jaroj 1906 kaj 1913 Höveler eldonis kelkajn lingvistikajn studojn: „Pri la elparolado de la vokaloj" (1907), „La signifo kaj la uzo de prepozicioj" (1910), „La elementoj kaj la vortfarado en esperanto" (1911 – 1913), en 3 volumoj. Li aktive kunlaboris en la revuoj „Tra la Mondo" kaj „Esperanta evoluo" kaj dum tri jaroj eldonis la bultenon „La Propagandisto" (1910 – 1912). Höveler eldonis la libron „Tutmonda anekdotaro" kaj aliajn tradukaĵojn el la germana literaturo.

Sed la plej famkonata lia aktiveco estas ligita kun la eldono de Ŝlosiloj. En tio Ĉefeĉ realigis la ideon de L. Zamenhof pri facila komprenebleco de Esperanto por ĉiuj, eĉ ne studantaj la lingvon, danke al ĝia logika strukturo kaj internacia leksiko. Tiuj malgrandaj libretoj – origine 24 paĝoj + 4 kovrilpaĝoj, formato 11 x 7 cm, pezo 5 gramoj, kun bildo de ŝlosilo sur la kovrilo – havis saman enhavon: enkondukon kaj gramatikon en nacia lingvo kaj Esperanto, nacilingvan vortareton kun ĉ. 2000 radikoj, informojn pri Esperantaj naciaj kaj internaciaj organizaĵoj. La unua ŝlosilo – angla – estis eldonita en la jaro 1905. Sekvis bulgara, ĉeĥa, dana, estona, finna, franca, germana kaj aliaj. Inter 1905 kaj 1930 estis eldonitaj ŝlosiloj por 27 nacioj. *Esperanto en perspektivo* (1974) donas liston de ŝlosiloj por 39 lingvoj. Kelkaj ŝlosiloj estis eldonitaj grandkvante – la sveda ŝlosilo havis 16 eldonojn, sume 215 000 ekz., la germana – 8 eldonojn, sume 54 000 ekz. ktp. Kelkaj reeldonoj estas vere paradoksaj – ekzemple, la unua vaska eldono (1935) estis de 5000 ekz., la dua (1990) estis de nur 100 ekz., sed ĝi certe okazis nur kiel memoriga akto.




*A key to Esperanto, la unua el fama serio da propagandiloj por la internacia lingvo.*



*F. Höveler, propagandisto kaj ekonomia organizanto de la Esperanto-movado.*

La ideo de Ĉefeĉ estis disvastigi Esperanton de homo al homo, kaj ŝlosiloj estis tiom malgrandaj kaj malpezaj, ankaŭ malmultekostaj, sendeblaj en ordinaraj poŝtaj kovertoj kune kun letero en Esperanto. Verŝajne, komence de nia jarcento, kiam kapoj ne estis tiom superŝutitaj per televido kaj aliaj amaskomunikiloj kaj reklamoj, tio estis sufiĉe efika metodo. Sed ankaŭ nun, verŝajne, nemalmultaj ricevos instigon por lerni la lingvon, se ili povos post du-trihora konatiĝo kun bazaj reguloj kaj malgranda vortaro, skribi leteron aŭ eĉ provi paroli en Esperanto. Ni ja scias, ke longdaŭrajn kursojn plej ofte finvizitas nur malgranda parto de tiuj, kiuj komencis la studadon.

Antaŭ mi kuŝas lastaj eldonoj de ŝlosiloj – bulgara (1984) kaj ukraina (1994). Ili havas la saman enhavon, kiel la ĉefeĉaj ŝlosiloj. Nur ilia mezuro estas alia – 21 x 15 cm. Ĉu tio signifas pligrandiĝon de intereso pri Esperanto?

La *Ora Libro de la Esperanto-movado 1887 – 1937* tiel karakterizas la homon H. Höveler: „La ŝlosilojn li mem eldonis, kaj plej ofte senpage disdonis ... Fondis kaj patronis grupojn tra la tuta mondo. Li estis vere internacia esperantisto. Severaspekta, malofte ridetanta, kiam li ekridis li gajnis ĉiujn korojn."

Li estis unu el la multaj, kiuj konstruis la ponton inter popoloj: ponton, bazitan sur la nobla revo, kiun ne detruis barbaraj militoj kaj abomenaj atakoj de totalismaj reĝimoj. Ni esperu, ke la vojon al tiu ponto trovos novaj adeptoj de la granda ideo de lingva egalrajteco.

LeV



Pligrandigu ĝis 200% kaj legu facile